# ATEISMO

ESPERANTO

## Organo de ATEO

## ATEISTA TUTMONDA ESPERANTO-ORGANIZO

septembro 1990

vol. 2, n-ro 3 (6)

eldonata trifoje jare

# ATEISTA TUTMONDA ESPERANTO-ORGANIZO (ATEO)

Fondita en 1987 de S-ro Ralph Dumain kaj S-ino Minerva Massen

Neneŭtrala faka asocio kunlaboranta kun UEA

**Organo:**

*Ateismo* aperas 3 fojojn po jaro, en januaro, majo, kaj septembro

Membrokotizo aŭ Abonkotizo: 8 usonaj dolaroj ($8) (pagenda al "A.T.E.O.": sendu al R. Dumain); aŭ 16 gld. (pagu al UEA-konto ATEO-Y). Por detaloj vidu la internan dorskovrilon.

## LA ESTRARO DE ATEO

Prezidanto, Sekretario-Kasisto, Redaktoro: S-ro Ralph Dumain; 1629 Columbia Road, N.W., Apt. 615; Washington, D.C. 20009-3651; Usono. ☎ (202) 332-0589.

Vicprezidanto: S-ro Martin Lavallée; 3745 Ste.-Catherine E, Montréal, QC H1W 2E9; Kanado. ☎ (514) 527-8545.

Asista Sekretario-Kasisto: S-ro Cleeve (Klivo) Lendon; 2706 Priscilla Str.; Ottawa, Ontario K2B 7E2; Kanado. ☎ (613) 596-5272.

### Korespondado, Informpetoj, kaj Manuskriptoj

Pri informpetoj aŭ abonproblemoj kontaktu la Vicprezidanton. Reagleterojn, komentojn kaj informojn, kaj manuskriptojn sendu al la Prezidanto/Redaktoro. Se vi skribas permane, bonvolu skribi klare, aparte vian nomon kaj adreson. Se vi anticipas ian ĝenon aŭ persekuton pro ateisma agado, bonvolu mencii bezonatajn specialajn aranĝojn por vi.

Ni bezonas perantojn de pluaj landoj. Bonvolu proponi vin al la Vicprezidanto. La jenaj personoj proponas sin fariĝi perantoj. Samlandanoj sendu viajn reagojn al R. Dumain:

Bulgario: Prof-o Hristo Marinov; ul. Ami Boué 51; 1606 Sofia.
проф. Храсто Маринов, 1606 София,
улица Ами Буе 51

Ĉeĥoslovakio: Prof-o L. Podmele; Počernická 86; 108 00 Praha 10

Francio: Esperantista Federacio de Laboro (F.E.T.); 115 Rue Béranger; 92320 Chatillon

Pollando: Ireneusz M. Smolewski; P.O. Box 3; 25-517 Kielce 15

# KOMUNIKAĴOJ DE LA PREZIDANTO

## PARDONU LA PROKRASTON

Ĉi tiu numero dissendiĝas fine de novembro, do ĝi malfruas je du monatoj, pro tri ĉefaj kaŭzoj. Unue, ĉi tiu estas la unua numero produktata kaj presata de mi, sole. Ne nur la aldona laboro sed ankaŭ la neceso familiariĝi pri mia softvaro konsumis multan tempon, kaj aperis kelkaj problemoj en uzado de la softvaro. Due, mi malsaniĝis dum pli ol du semajnoj. Trie, forrabas mian libertempon aliaj neeviteblaj personaj malfacilaĵoj. Mi devas lukti kontraŭ fiuloj kiuj ekspluatas kaj misuzas min, dorse kontraŭ la muro. Tamen, mi faros mian eblon por ATEO. Mi intencas eldoni la venontan numeron je la ĝusta tempo, en januaro 1991. Mi jam havas multan materialon por la venonta numero, sed mi atendas viajn pluajn kontribuaĵojn. Ĉar komencos nova jaro, mi petas, ke vi baldaŭ pagu vian abonkotizon.

## LA FORMATO DE ĈI TIU NUMERO

Mi produktas *Ateismon* per IBM-XT-kongrua mikrokomputilo kaj tre simpla presilo. Mi nun ne povas tute libere konstrui la aspekton de la revuo, ekz. la litertipon. Plue, ŝajnas ke estas kelkaj difektetoj en la softvaro kiu malfaciligas la laboron. Tamen, mi ja povas ŝanĝi la formaton kaj variigi la aspekton. Kiel vi vidos, mi povas ankaŭ produkti grafikaĵojn perkomputile. Do bonvolu komenti kaj mencii viajn preferojn pri la formato: ĉu la fizikaj dimensioj de la revuo taŭgas, ĉu vi preferas du kolumnojn aŭ nur unu, ĉu la litertipo tro grandas aŭ etas, ĉu estas sufiĉa spaco inter la linioj, ĉu la teksto estas facile legebla?

## ATEO AKCEPTIĜIS ĈE UEA

Post tro longa neglekto flanke de UEA pri nia aliĝpeticio, ni finfine repeticiis al UEA kadre de la Universala Kongreso. ATEO estas akceptita kiel neneŭtrala faka asocio en kunlaboro kun UEA. Tamen, la kongres-raporto en revuo *Esperanto* (septembro 1990, p. 171) diris, ke ATEO ne aliĝis al UEA. Kion signifas tio, ni devos kontroli.

## NOVAJ ESTRARANOJ

Jam en la antaŭa numero anoncis sian demision estraranoj kaj kunfond-

intoj Ges-roj Massen. Mi (Ralph Dumain) restas la prezidanto kaj redaktoro, kaj provizore ankaŭ la Ĉefa Sekretario-Kasisto ĝis ke mi transdonos ĉiujn tiujn devojn al S-ro Lendon. Ĉe la ATEO-kunsido dum la Universala Kongreso akceptiĝis ankaŭ du novaj estraranoj.

Nia nuna vicprezidanto estas S-ro Martin Lavallée (Kanado), kiu jam faris multon por ATEO. Martin prezidis la ATEO-kunsidon kaj servis kiel nia ĉefreprezentanto ĉe la Universala Kongreso. Je propra elspezo li aperigis reklamojn por ATEO en loka Montreala gazeto. Lia artikolo pri ATEO ĵus aperis en franclingva kanada liberpensa revuo.

Nia alia nova estrarano, S-ro Klivo (Cleeve) Lendon (Kanado), helpos nin en sekretaria kaj kasista laboro. Mi dankas miajn du kunlaborantojn pro ilia valora kaj bezonata helpo en nia afero.

Mi nun dankas ankaŭ nian membron José A. Vergara Olavarria (Ĉilio), kiu kunprezidis la ATEO-kunsidon.



**NOVA USONA BANKOKONTO POR ATEO**

Ni jam delonge havas konton ĉe la banko de UEA (konto **ATEO-Y**). Mi lastatempe establis specialan konton por ATEO ĉe banko en la Vaŝingtona areo en kiun mi metas monajn kontribuaĵojn al ATEO senditajn al mi. Komence ni ricevis pridankendan grandan sumon de Ges-roj Massen. Mi ĉerpos el ĉi tiu konto por eldoni nian revuon.

**FINANCOJ, NEPAGIPOVAJ LANDOJ, ELDONADO, KAJ LA ESTONTO**

Mi ricevis leterojn de orienteŭropanoj kiuj esprimis maltrankvilon pri sia neeblo pagi la abonkotizon. Kelkaj hontas senti sin "almozpetantoj", des pli post mencio de niaj financaj bezonoj en *Ateismo* 2:2(5). Sed mi neniam celis hontigi iun pro nepagipovo aŭ forpeli membron pro mizero, do ne sentu ĝenon. Kompense multaj niaj nepagipovaj amikoj diligente verkas artikolojn por ***Ateismo***, kaj tiun valoran kontribuon mi elkore dankas. Kaj koran dankon ankaŭ al tiuj kiuj sendis donace al ni estraranoj diversajn librojn! Iujn mi konservas, iujn mi revendas

por enkasigo al ATEO. Do aliaj nepagipovuloj bonvolu laŭeble sendi al mi librojn kaj gazetojn.

Nia problemo estas tiuj kiuj vivas en riĉaj pagipovaj landoj kaj havas abundan monon sed ne volas subteni ATEOn. Kaj min maltrankviligas la rifuzo ĉe la Universala Kongreso konsideri altigon de la abonkotizo eĉ por la pli riĉaj landoj. Mi ne estas Sankta Nikolao. Nun ni havas ioman kapitalon. Eventuale ni devos alfronti la limon de niaj rimedoj.

Mi ricevis kelkajn proponojn de komputila helpo. Ni ja bezonas tian helpon. Nuntempe, IBM-kongruaj komputiloj plej konvenas, por interŝanĝo de datumoj kun mi. Sed kelkaj havas "Macintosh"-komputilojn, kiuj ankaŭ tre utilus kvankam ne kongruaj kun IBM. Mi esperas, ke volontuloj serioze pripensu ĉu ili iam respondecus surpreni la taskon de eldonado de *Ateismo*. Mi nuntempe faras la eldonan taskon kiel promesite, sed eventuale pro persona ŝarĝiteco ŝatus liberiĝi de tiu devo.

**NOVA TRADUKO PRITRAKTENDA**

Nia jam tre helpema Martin Lavallée sendis al mi manuskripte kaj komputildiskete sian tradukon el la franca de la verko ***Ĉu Oni Povas Vivi sen Religio?*** de André Lorulot. (Alia libro de Lorulot jus aperis traduke danke al la SAT-Broŝurservo.) La dense tajpita manuskripto en ordinara tajppapera formato ampleksas 30 paĝojn. La nuda teksto en la formato de ĉi tiu revuo postulus pli ol 37 paĝojn. Se ni aperigus la tekston en *Ateismo* po kelkaj paĝoj po numero, pasus 3-5 jaroj antaŭ ol oni fineldonus kaj finlegus la tutan verkon! Do ĉu ni eldonu ĉi tiun verkon kiel apartan libron en la maniero de SAT-Broŝurservo? Ĉu la merkato sufiĉe grandas por kompensi la elspezon? Mi atendas viajn sugestojn. Dumtempe mi dankas al S-ro Lavallée pro sia valora traduka laboro!

**DENOVE PRI LA INTERNACIA ADRESARO KAJ LANDAJ LISTOJ**

En *Ateismo* 2:2(5) ni eksplikis nian planon publikigi **Internacian Adresaron** kaj dissendi **Landajn Listojn**. Ekde tiam mi ja ricevis komunikajojn de multaj el vi kiuj donis vian permeson ke ni inkluzivu vian nomon kaj adreson en unu aŭ ambaŭ listoj. Tamen, mi ankoraŭ

ne trovis tempon por kompili ĉi tiujn informojn kaj ĝisdatigi nian enkomputiligitan adresaron. Tial vi trovos, ke **ankoraŭ** ne ĝisdatiĝis la indikoj "**LL**" kaj "**IA**" sur viaj poŝtetikedoj. Sed ne maltrankviliĝu, mi korektos la adresaron, kaj vi aperos en publikigotaj kaj dissendigotaj Internacia Adresaro kaj/aŭ Landa Listo, se vi jam sendis al mi vian jeson.

Mi volas publikigi **Internacian Adresaron** en la venonta numero kaj kunsendi **apartan** folion -- t.e. **Landa Listo** -- kiu enhavas nur viajn samlandanojn. Do, tiuj kiuj **ankoraŭ ne** iam komunikis al mi vian deziron ke via nomo kaj adreso aperu en Internacia Adresaro kaj/aŭ Landa Listo, se vi nun deziras tion, bonvolu informi min kiel eble plej baldaŭ. Kaj pagipovuloj bonvolu **rekotizi** por la venonta jaro!

## DANKSALUTON AL ĈIUJ

Denove mi dankas ĉiujn pro via entuziasmo, leteroj, verkoj, donacoj, kaj ceteraj kontribuoj. Mi ne ĉiuokaze trovas tempon por persone agnoski ies kontribuon, sed mi ja ĉiufoje ĝojas. ATEO estas mia plej feliĉiga, stimula, kaj valora sperto per la internacia lingvo dum miaj pasintaj 22 jaroj kiel Esperantisto. Per ATEO mi jam gajnis plurajn varmajn amikojn. Mi deziras al ĉiuj agrablan solstican festosezonon kaj sukcesan venontan jaron.

## ENHAVO DE *ATEISMO* 3:1(7)

Interalie aperos venontfoje: "**Obskuraj Radikoj de la 'Luma Epoko'**" de Roland Schnell, "**Nova Humanismo Kiacele?**" de J. Deker, "**Nia Dio Estas Interna Ideo de L.L. Zamenhof kaj Ekologio de V.I. Vernadski**" de Prof-o H. Marinov, "**Ateismo kaj la 'Danĝera Lingvo'**" de R. Dumain, kaj la **Internacia Adresaro**. Ĝis!

## RAPORTOJ PRI LA ATEO-KUNSIDO ĈE LA UNIVERSALA KONGRESO

de Martin Lavallée (Kanado)

Mi kiel prezidanto de la kunsido miris pro la nombro de la ĉeestantaro. Pli ol 41 venis, el kiuj pli ol

duono devis stari. Mi veis antaŭ tiu ĥaosa alveno en la plej malfacile trovebla ĉambro de la tuta kongresejo, kiam S-ro Vergara proponis: "Ĉu oni ne devus sin prezenti?" La respondo de la arego en la 15-sideja ĉambreto estis jesa.

Notindas tiu memoraĵo de simpla blindulo: "Kiam mi estis juna, mi konis junulinon kiu enamiĝis al knabo. Ŝi estis katolika kaj li protestanta. Ambaŭ familioj disigis ilin. Mi neniam komprenis kial, se du estuloj interamas, religio devus esti barilo."

Post tio, mi prezentis la problemojn de nia asocio. Unue mi proponis, konsiderante la kaĉan malpleniĝon, altigon de la kotizo. Jen rifuzo. Ĉu sistemo pli justa: kotizo laŭlande? Negativa respondo. S-ro Maurice Merger proponis ke oni pagu laŭ sia kapablo, kiel oni faras je ***Vegetarana Esperantisto***. Mi kontraŭis, bedaŭrinde sole.

Tiel do estas: oni rekomendas pagi almenaŭ 8 usonajn dolarojn por kotizo, sed se oni ne povas, oni povas doni malpli.

Estante materiisto, mi tre timas tiun malcertan financan bazon. Tiel tamen decidis la ATEO-kunvenintoj.

de José A. Vergara Olavarria (Ĉilio)

Mi kontaktiĝis kun Martin Lavallée kaj kungvidis la ATEO-kunsidon. Mi persone metis anoncojn sur la tabulojn, kaj al la kunsido venis pluraj homoj. Bedaŭrinde la afero ne marŝis tiel bone kiel dezirindus .... Ekde la unuaj momentoj oni diskutis administrajn problemojn de ATEO, la aliĝon al UEA, ktp.; tial ŝajnis al mi ke la pliparto de la ĉeestantaro komprenas nenion. (*NdlR: la kulpo pro troa prioritatigo de organizaj problemoj estas la mia.*) Do mi petis la parolrajton kaj intencis klarigi tiujn pli esencajn faktojn (kio estas ATEO, ktp.), speciale pri la rajto kaj devo kontraŭstari la troan religiecon de la nuntempa Esperanto-movado (ekz. spiritistoj en Brazilo), kiu estas tre necesa tasko por la estonteco de la movado kaj lingvo mem. Mi parolis ankaŭ pri la reakcia kaj kontraŭhomeca rolo de la nuntempa religia integrismo (protestanta fundamentismo usona, islama integrismo, ktp.)

kaj pri aliaj aferoj. Poste venis tre interesa rondo de opinioj, dum kio oni povus konstati, ke fakte la plejmulto ne estis ATEO-anoj kaj eĉ ne sciis antaŭe pri ĝi. Poste mi devis urĝe forlasi la kunsidon. Unu leciono por la estonteco estas la nepre bezonata organizado de du kunsidoj, unu ĝenerala pri kontraŭreligia agado, kaj alia pri la aferoj de ATEO specife.

## POLAJ ESPERANTISTAJ ATEISTOJ KUNVENAS

de Andrzej Broda (Pollando)

En junio ni provis okazigi en urbo Koszalin unuan landan kunvenon de la polaj ATEO-anoj. Vi ja certe scias pri malfacilaĵoj organizi ĉi-specan agadon en Pollando, ne nur pro mondkonceptaj kialoj. Gravas ankaŭ la malbona financa stato. Entute do venis du personoj plus ni du el Koszalin, afero kiu tamen estis sukcesa eĉ laŭ modesta skalo de la aranĝo. Ni multe diskutis kion fari estonte. Ni debatis ĉu taŭgas starigi kontaktojn kun eksteraj neesperantistaj ateistaj medioj aŭ unuopuloj. Grava punkto estis financoj por ATEO el nia lando. Bedaŭrinde, $8 US estas sufiĉe granda sumo por ni; due, bankkostoj en Nederlando draste pliakrigas la tutan problemon. Ni ne rajtas nun uzi poŝtmandatan sistemon ....

*Postkomento de la Prezidanto: En aparta letero de majo 1990 S-ro Broda priskribas la trajtojn de la 10 personoj kiuj tiam troviĝis sur la landa listo. Mi kontrolos kaj ĝisdatigos tiun liston.*

*En propra letero S-ro Valdemar Nowakowski laŭdas sian iaman studenton S-ron Broda kaj priskribas lian vivhistorion, edukadon, atingojn, kaj iamajn malfacilajn cirkonstancojn. Mi elkore dankas S-rojn Nowakowski kaj Broda pro ilia brava agado.*

*Por informoj pri la progreso de la pola grupo, skribu al:*
Valdemar Nowakowski, ul. Szymanowskiego 2-12,PL-75-546 Koszalin, Pollando.



# PRI ORIENTA EŬROPO

## KATOLIKAJ ĈEĤOSLOVAKOJ SUR KRUCVOJO

de Johano Elija (Ĉeĥoslovakio)

Estas konate en la mondo, kiel katastrofis komunistaj reĝimoj en centra kaj suda Eŭropo, precipe en nia lando, kie ne unu homo perdis sian vivon kaj tial oni nomas tiun falon de totalismo "silka revolucio". Por venki kontraŭ la reĝimo ankaŭ ege kontribuis religiaj kredantoj kaj eklezioj kristanaj de ĉiu speco. Plej granda influo venis nature de katolikanoj, kiuj formas majoritatan parton rilate al influo kaj potenco politika. Ĉar la komunista reĝimo batalis kontraŭ religianoj per potenco de sia sekreta polico kaj surbaze de ekonomiaj kaj sociaj malavantaĝoj, kristanoj fondis politikan partion -- "Populara Partio" -- kiu varbis precipe en Slovakio kaj iom ankaŭ en Moravio multajn subtenantojn. Al Ĉehoj, kiuj vivis dum 300 jaroj sub jugo de habsburga monarkio (1621-1918), tiu monarkio trudis katolikismon. La nacio estis tiam plejparte protestantisma. Pro tio Ĉehoj estas pli ol kredantoj jam de naturo ateistoj aŭ minimume nekatolikanoj. Tiu dualismo -- ateismo en Bohemio, katolikismo en Moravio kaj ĉefe en Slovakio -- naskis tre komplikan situacion por ateista movado. Komunistoj kiel militantaj ateistoj fiaskis kaj tiu ĉi politika fiasko signifas ankaŭ certan senkreditigon de ateismo, minimume en politika senco. Dum la dua mondmilito slovakoj havis sian sendependan ŝtaton, kie regis kaj sinjoris kato-

likanoj. Dum tiu regado mortis multe da judoj. Reprezentanto de slovaka ŝtato post la milito estis mortpafita. Nun katolikanoj en Slovakio volas proklami tiun eksprezidanton sanktulo. Tiel religio katolika profundigis konfliktojn inter ĉehoj kaj slovakoj kaj per tio ankaŭ konflikton nacipolitikan.

Kiu volas kompreni religiajn kaj ateistajn aferojn en nia federala respubliko, tiu devas scii tiujn faktojn. La tuta lando ribelis komune kontraŭ komunista diktaturo, sed nun, kiam venko sukcesis, unueca fronto iom disfalis. **Civila Forumo** gajnis en voĉdonado plejparton da voĉdonoj. Tiu movado kreas centron kaj estas garantio de demokrataj transformoj de lando, sed oni devas vidi, ke tiun unuecon baldaŭ atakos kvar politikaj fortoj, kiuj kreskos ĉar la sociekonomia situacio post falo de stalinismo ne estas oportuna. Venos multaj limigoj, ŝparado kaj oferado persona ĉar prezoj devas altiĝi. Kvankam komunistoj kaŭzis tiun mizeron per sia politiko porsovetia, nun ili staras en opozicio kaj "defendante" interesojn de homoj, ili povas denove pligrandigi sian forton. Do el maldekstro atakos la novan reĝimon novstalinistoj. De mala flanko atakos naciistoj, rasistoj ĉiuspecaj kaj antisemitistoj, kiuj direktas sin kontraŭ ciganoj kaj ĉiuj eksterlandanoj, kiuj onidire "forprenas laboron de homoj". Cefe, tiuj rasistoj kontraŭstaras judojn. Judoj ne tro multas ĉar dum hitlera periodo ilin oni forbruligis kaj neniigis en koncentrejoj. Tria politika forto kiu atakos Civilan Forumon, estas kristanoj. Misuzado de religioj kaj eklezioj en servo al politiko -- t.e. klerikalismo -- naskiĝis kaj faras problemojn al nova reĝimo. Ĉar marksisma-leninisma doktrino entute fiaskis, ĝi ne kapablis helpi al homoj pro sia malintereso pri etiko, moralo, kaj homa edukado, do aperis sursceneje religioj kiuj kiel malpermesitaj "novajoj" nun allogas amasojn da junuloj, kiuj serĉas orientiĝon en sia vivo kaj esperas tion trovi en kristanismo. Krom katolikanoj kaj protestantoj oni devas kalkuli ankaŭ je ortodoksismo greko-pravoslava. Ankaŭ aktivas ĉe ni multaj sektoj: adventistoj, metodistoj, atestantoj de Jehovo, ktp.

Nature, krom kristanismo aliaj religioj estas allogemaj, ekzemple budhismo. La vizito de tibeta Dalai-Lamao al nia lando inspiris multan intereson pri ci tiu orienta religio. Aktivas ĉi tie juda religio, kaj ne mankos ankaŭ islamanoj, ĉar malfermo de limoj kaŭzas, ke alvenas multaj homoj el la vasta mondo kaj tiuj ofte estas islamanoj. La roma Papo vizitis nian landon kaj tiel fortigis intereson pri katolikismo.

Do, la stato de ateismo ne estas tre forta, kvankam la kredo je kredantoj ne tro profundas. Multe efikas scivolemo, avido pri sensacioj kaj novaĵoj. Sed ĉar la ŝtato devas redoni al eklezio apogata de politika partio plejparton da havaĵoj konfiskitaj de komunistoj, oni ne povas respekte aprezi la potencon de teismo en nia lando. Oni fondis socion de ateistoj, sed multaj suspektas, ke ĝin sekrete gvidas komunistoj, kaj tio ne simpatiigas ĝin je la publiko.

## EKLEZIA MALKOMPATO EN ĈEĤOSLOVAKIO

de Josef Kristian (Ĉeĥoslovakio)

Antaŭnelonge mortis patro de mia bofilo, kiun katolika pastro rifuzis entombigi, ĉar la gefiloj ne havis religian, laŭsakramentan geedziĝon. La verdikto de dekano tiel kolerigis min, ke mi decidis skribi plendleteron al la Ĉefepiskopo en Okcident-Slovakia urbo Trnava.

La letero tekstis jene: Via sinjora moŝto ĉefepiskopo! Mi komencas mian leteron per vortoj, kiujn mi ellernis dum mia gimnazia studado kaj kiujn mi aŭdis ĉiutage ĉe Salezianoj. Laudetur Jesus Kristus! Mi turnas min al vi, kiel simpla mortemulo kun doloro en mia koro , kiu estis ekscitita per deklaro de dekano, kiu rifuzis entombigi mortinton baptitan per kristana religio. Mortis la bopatro de mia filino, kiu havis 69 jarojn kaj mortis pro karcinomo de stomako. Kiel kutime,malfeliĉo malofte venas sole, ĉar dum li estis en hospitalo, ankaŭ lia edzino estis operaciita. Ĉi tiun tagon mortis ŝia edzo. Kompreneble, ŝi ne povis esti

informata pri morto de sia edzo, por ke sia sanstato ne malpliboniĝu. La gefiloj ĉe la entombiga servo mendis lian forportadon en kadavroĉambron, kie li restis dum 14 tagoj en malvarmigejo. Intertempe alvenis la festotago Unua de Majo kiam oni libertempis kaj neniu povis ordigi la entombigon, kaj la edzino povis esti informata nur post la 9-a de majo.

Ili ambaŭ estis kristanoj; tial la edzino ŝatus havi kristanan entombigan ceremonion, kaj ŝi sendis gefilojn al parohestro. La parohestro demandis, ĉu ili estis baptitaj kaj ĉu ili ankaŭ havis religian geedziĝon, kaj krome, ĉu iliaj infanoj estis baptitaj. Ĉiuj gefratoj estis baptitaj, sed ne havis religian geedziĝon sed nur civilan, kaj iliaj infanoj ne estis baptitaj. Aŭdinte la faktojn, la parohestro tuj rifuzis entombigon kaj postulis al ili: alportu la baptateston (kiu okazis ĉe fora loko), aranĝu novan religian geedziĝon en la kirko, baptu ĉiun infanojn kaj nur poste oni aranĝos entombigon. Mi demandas: povas konduti tiel pastro kiu ĉiutage preĝas al Dio? Ĉu li estas humanisto? Ĉu li obeas dekalogon kiu diras: "amu vian homfraton kiel vin mem"? Li estas travestiita diablo kaj klerika faŝisto, kiu meritas postmorte vivi en Purgatorio, eĉ en Infero! Vere li havas paradizon jam sur la tero, ĉar li estas jupĉasisto kiu havas amatinojn, konstruis domon, aĉetis modernan aŭtomobilon, kaj eĉ havas satelit-antenon.

Kompreneble, tio kion li postulis de la gefiloj estas stultaĵo kaj neplenumebla postulo. Tial ili forlasis la parohejon kun dolora koro. La familio poste decidis aranĝi civilan entombigon, kaj la karmemoraton entombigis direktoro de kulturdomo kaj la funebran paroladon diris kolego el uzino. La ceremonio estis pli bela ol la kutima eklezia entombigo.

Finante la leteron, mi petis ke la ĉefepiskopo klarigu la aferon kaj kian punon ricevos la malbonkora pastro. Post tri semajnoj mi ricevis respondon kiu tekstis jene: "Bonvolu kompreni, ke por mi estas tre malagrable legi akuzon pri pastroj. Mi devas aŭskulti ankaŭ la akuzaton -- aidiatur et altera pars". Nu, kion diri? "Korvo al korvo okulon ne pikas", diras proverbo. Feliĉe,

mi estas ateisto kaj bezonas nenian pastron. Se mi mortos, mia edzino ordonos kremacion.

## EN LA KAPTILO: PRI LA DISKUTO RILATE ABORTIGON EN POLLANDO

de Ewa Nowakowski
tradukita de Maria Merla (Germanio)
[el pola gazeto *Polityka*]

La patrino de amikino de mia dektrijara filino ekscitiĝis pro tio, ke ŝia filino Ania estas graveda. Ŝi ekkriis: "Ni laboregis, por ke nenio manku al ŝi. Kaj nun tiu malhonoro!" Antaŭ tri jaroj tiu virino estis ĉe ni postulante ke ni ne maldecigu ŝian infanon. Siatempe ŝi ĵus estis malkovrinta kaj konfiskinta ĉe sia filino kajeron pri seksa edukado, kiun la filino estis pruntepreninta de ni.

Jen malfacila temo. Ĝi vekas la plej multajn emociojn. La pola leĝo pri abortigo de 1956 intencis malfermi al virino en ekstreme malfacila situacio laŭleĝan eliron, kiu estus medicine la plej malriska kaj kiu samtempe respektu ŝian dignon. Kial tiu pordo ŝanĝiĝis al larĝe malfermita pordego, tio estas aparta historio. Mi pensas, ke nepre necesas ke tia leĝo lasu malantaŭan eliron malfermitan, same kiel en etika normo juste ne povas ekzisti malantaŭa eliro.

Aktuale ekestas laŭ iniciato de multnombraj katolikaj rondoj novaj leĝproponoj kiuj intencas kompletan malpermeson de abortigo kaj minacas per malliberejo ĉiujn kiuj malobeas la leĝon. Tiuj projektoj provokis la unuan virinan manifestacion en Pollando kaj la sekvan fondiĝon de feminismaj grupoj. Mi subtenas ilian agadon kontraŭ kompleta malpermeso kaj krimigon de abortigoj.

La aŭtoroj de la novaj leĝproponoj kredas, ke sufiĉas fari liston de malpermesoj kaj ordonoj kaj puŝi ĝin tra la parlamenton, kaj ke tiel tiuj postuloj fariĝos realaĵo. Sed ĝuste tiel tute ne estas. Subpremo neniel altigas la respektiĝpovon de leĝo. Spertaj juristoj eĉ asertas, ke nerealisma

lego eĉ provokas krimecon. Nuntempe oni provas elpeli el la socio abortigintajn virinojn, eĉ se temas pri abortigo post seksperforto aŭ vivdanĝero je la gravedulino. Samtempe en Pollando okazas agadoj, kiuj forprenus de virinoj la eblecon sin protekti kontraŭ nedezirata gravedigo. La forta premgrupo kiu kondamnas kontraŭkoncipilojn kaj la tradicia malŝato de seksa edukado kulpas pri nedezirataj gravedigoj kaj konsistigas la esencon de la problemo.

## VATIKANO KAJ KONTRAŬREVOLUCIO

de Willi Wolter (Mecklenburg, Germanio)

Kial la Vatikano elektis la nunan papon ĝuste el Pollando? En la tuta mondo ne vivis pli granda antikomunisto kaj adoranto de la "Ora Bovido", eĉ ne en Italio mem. Kiam Papo Johano Paŭlo II estis elektita, ĉiu pensanta homo ekkomprenis, ke ĵus komencis nova psikologia mondmilito kontraŭ ajna socialismo. Polio estis kaj estas fanatika katolika centro. En neniu alia lando estas tiom da preĝejoj (10 675!), pastroj (22 900), religiaj gazetoj (89), ktp. La Vatikano estas la plej granda kapitalposedanto, do la plej potenca imperiisto. Tial ĝi ankoraŭ energie batalas kontraŭ la "Teologio de la Liberigo" kaj la popoleklezioj.

Depost la malvenko de la orienteŭropa socialismo, oportunistaj kleruloj serveme asertas, ke klasbatalo kaj proletaro ne ekzistas plu. Dum ĉiu sekundo malsatmortas homo en kapitalisma paradizo. Certe tia mortanto tion faras libere kaj demokrate. Kaj mi estas stultulo kiu ankoraŭ asertas, ke la klasbatalo eĉ disŝiras la katolikan eklezion. Religioj estas instrumentoj de klasbatalo! La hitleranoj jam lerte uzis amaspsikologion.

La papo estas lerta aktoro. Li di-servas sur la plej alta pinto de Mont Blanc. Per televido la tuta homaro povis rigardi ĉi tiun teatraĵon. Cie la sankta aktoro surgenuiĝas kaj kisas la teron, ĉu en Afriko, Azio, aŭ Eŭropo. Li parolaĉas sian papan benon en multaj lingvoj, eĉ en Esperanto. La stranga blanka vesto, eĉ dum libertempo, estas

teatro. Kial tiu nokta ĉemizego el mezepoko; kial ne vesti sin kiel ordinaran homon? Pro tio ke li ciam teatras kaj scias ke per tiaj rimedoj oni povas influi homamasojn.

La malamegon de la papo kontraŭ socialismo oni povas prilegi en gazetoj post liaj paroladoj en Ĉeĥoslovakio, Polio, ktp. Kia senpolitika sanktulo, la anstataŭanto de Dio mem sur nia planedo! Dekmiloj da katolikaj klerikuloj ĉie agadis kune kun la evangelioj, kaj preparis la tielnomitajn "Demos" sub la devizo: "Ni estas la popolo!" La kontraŭrevoluciuloj ariĝis en la preĝejoj, kun kandeloj, kantoj, ktp. La socialistoj havis nek akvonjetilojn nek gumbastonojn, nek mordemajn ŝafhundojn; ili estis senhelpaj kompare kun la polickolegoj en Imperialismujo. Sen la granda preparhelpo de la Vatikano, la tuta "Demos" ne povus okazi.

La germana dekstra kristandemokrata partio CDU devus nomiĝi Kapitala Dolara Unio. De Kristo restas nenio, ĉar li ekskiĝis el tiu monema partio.

## MIRAKLOJ
### (Ateista Anekdoto)

el revuo *Internacia Lingvo* (1925, n-ro 1, p. 20); sendita de I.V. Simonov (Sovetunio)

Du homoj -- juna kaj maljuna -- ekdisputis pri mirakloj. La maljunulo estas pruvanta, ke mirakloj ekzistas, la junulo, ke ili ne ekzistas. Finfine la maljunulo decidis klarigi la problemon per ekzemploj.

"Mi suriris altan turon, min ĵetis malsupren kaj restis sendifekta. Kio ĝi estas?"

"Okazo", estas la respondo de la junulo.

"Nu, mi duan fojon min ĵetis de la turo kaj restis viva. Kiel vi nomos tion ĉi?"

"Feliĉo", estis la respondo.

"Mi trian fojon min ĵetis de tie kaj estis senkripla", diris la maljunulo incitiĝinte, "kio ĝi estas?"

"Kutimo", respondis la junulo.

# LA SERPENTO EN LA DEZERTO

de Edgar Lee Masters (1869-1950, Usona poeto)
tradukita de Zane Gilstrap (Usono)

Jesuo profetis, ke la mondo finiĝus
Antaŭ ol la generacio, kiun li alparolis, forpasus.
Kaj multaj kredis, ke tio okazus,
Kaj rigardis la ĉielon, por vidi ĝin ĵeti siajn stelojn kiel figarbo ĵetas siajn fruktojn;
Kaj por vidi la sunon mallumiĝintan, kaj la lumon malplenumantan sian lumon,
Kaj la potencojn de ĉielo skuitajn, kaj Jesuon malsuprenirantan
En nuboj kun granda povo kaj gloro, servate per anĝeloj.
Je kio la mortintoj venus el siaj tomboj,
Kaj la bonaj levataj en ĉielon,
Kaj la malbonaj ĵetataj en senfundan kavon preparitan de la diablo kaj siaj anĝeloj.
Preskaŭ ĉiuj el la vortoj de Jesuo estis fonditaj sur timo;
Kaj ĉi tiuj profetaĵoj de Jesuo plenigis la mondon per teruro,
Kaj eĉ fine skuis la feran koron de Romo.
Kaj dum longaj jarcentoj
Post la generacio, kiu, laŭ Jesuo, vidus la finon de la mondo,
Forpasis; ankoraŭ la timo, kiun Jesuo jam inspiris, restis vigla,
Kaj ĝis ĉi tiu tago ne formortis, kaj estas uzata ĉie por varbi por eklezioj,
Kaj akiri monon por papoj, kardinaloj, pastroj, kaj predikantoj
De la Baptistoj, Metodistoj, Presbiterianoj, Kambelitoj, kaj aliaj sektoj,
Kiuj vivas en komforto de la mono kolektita per timo,
Eĉ kvankam apenaŭ iuj el ili estas iluminitaj aŭ valoras ion al civilizacio.
Kaj pasos iom da jarcentoj antaŭ ol akceptiĝos kompreno
Ke Jesuo ne havis la menson, kapablon, por fari bonon al la mondo.
Pro tio ke li posedis per timo la povon meti flanken Sokraton kaj homojn similajn al li.
Tiel ili povus fari nemultan por la mondo.
Ke ĉi tio jam estis vero, kaj estas ĝis nun vero, estas ĝuste tiel mistera
Kiel la ĝenerale nomita problemo de malbono povas esti al iu menso.

Neniu povas klarigi kial
Ateno, kiu estis ja urbo starigita sur altaĵo,
Ne daŭris por ĉiam por la profito de ĉiuj regionoj kaj popoloj;
Kaj kial Jerusalemo, vilaĝo de demonoj kaj kamela fekaĵo,
Fariĝis la sanktejo de la mondo
Kien homoj ankoraŭ pilgrimas por vidi la lokon, kie Jesuo mortis por la homoj,
Kvankam kelkajn interesas la malliberejo, kie Sokrato cedis sian vivon, prefere ol cedi sian pensliberon.

## RECENZO: *KIAL MI ESTAS ATEISTO*

de J. Deker (Maŭricio)

Jen esperantlingva broŝuro nepre havenda por ĉiu ateisto. La verko estas tradukita de la originala franclingva verko de André Lorulot (André Roulot, Parizo 1885 - Herblay 1963). Post la mondmilito la aŭtoro fariĝis Generala Sekretario de la Landa Federacio de Liberpensuloj kaj de tiam ĝis sia morto li propagandis ateismon.

La verko estas tre interesa, klara, stile simpla. La aŭtoro deklaras unue "ke mi ne kredas pri Dio estas precipe tial ke la kredantoj igis Lin neebla", kaj li disvolvas tiun ideon. Temas ĉefe pri katolika religio, la plej disvastigita en Francio, sed fakte la argumentoj validas pri ĉiuj religioj. Li ekspluatas kaj emfazas la kontraŭdirojn kaj absurdaĵojn de la religiaj instruoj kaj sanktaj libroj. La valoro de ĉi tiu verko rezultas el la fakto ke la aŭtoro uzas pli volonte simplan saĝon ol sciencan raciismon, kiu estas ofte tro komplika por tiuj kiuj ne havas sciencan kulturon. Tamen la aŭtoro ektraktas sciencajn temojn, sed ĉiam simple. La fakto ke la broŝuro estis eldonita antaŭ pli ol 50 jaroj ne damaĝas. Por ateisto estas fonto da trafaj kaj simplaj argumentoj por eventuala debato.

La tradukinto, Valo, estas veterana esperantisto; li nun estas 90-jaraĝa kaj li eklernis Esperanton antaŭ preskaŭ 80 jaroj. Ni gratulu lin pro tiu verko.

# BIBLIOGRAFIAJ NOVAĴOJ

Cousson, Philippe. "Alispeca kristanismo", *Esperanto*, julio-aŭgusto 1990, p. 147. Pri libro-serio "Voĉoj Kristanaj". Atentu: niaj malamikoj viglas.

Hegen, Roland H. "Por serĉantoj de spirita renesanco", *Esperanto*, julio-aŭgusto 1990, p. 141-142. Volas restarigi Esperanto-Centron Humanismo.

Hoŭ Ĝjŭeljang. ***Antikvaj Filozofoj de Ĉinio***, tradukita de Li Juping kaj aliaj. Pekino: Ĉina Esperanto-Eldonejo, 1988. 224 p. ISBN 7-5052-0002-X. Pritraktas plurajn materiismajn kaj ateistajn filozofojn.

Kalocsay, Kalman. ***La dekdu noktoj de Satano*** de Emiano Imby (pseŭdonimo). Prilly: Kooperativo de Literatura Foiro, 1990. 130 p. ISBN 39-0659-01-3. 49,90 gld. Poemciklo "naŭzige erotika kaj ofende blasfema".

"Komitato kaj estraro: Ŝanĝoj sen skuoj", *Esperanto*, septembro 1990, p. 171. ATEO & LSG akceptita de UEA.

Lavallée, Martin. "L'athéisme espérantophone", *La Libre Pensée*, no. 12, 1990, p. 18-19. Pri ATEO. Dankon, Martin!

Lavallée, Martin. Reklamoj por ATEO en *The New Montreal Weekly* kaj franclingva eldono de sama ĵurnalo *Le Nouveau Montréal Hebdomadaire*, 1990.04.05 (p. 15), 1990.04.12, 1990.04.20 (p. 15), 1990.05.10 (p. 15). Dankon, Martin!

Lorulot, André. ***Kial mi estas ateisto***, esperantigis Valo, kun prezenta antaŭparolo de Han Riner. Beauville: SAT-Broŝurservo, 1990. 125 p. 25 FF.

Onet, Ionet. "Leter(ar)o", *La Kancerkliniko*, n-ro 54, aprilo-junio 1990, p. 13. Atakas la artikolon "Mallaŭdo de stulteco" kaj ceteran "fekaĵon" de R. Dumain.

"Okazis hieraŭ" [rubriko], *La Havana Kuriero* [de la 75a Universala Kongreso de Esperanto], n-ro 4, 1990.07.19, p. 1. Raporteto pri la ATEO-kunsido.

Petroviĉ, Marko. "Mi estas ateisto firme kredanta Dion!", *Sennaciulo*, septembro 1990, p. 82.

Trenner, Maximilien. ***Maks rakontas (legolibro)***. Parizo: Eldono Gabrielli, 1989. 100 p. Vidu eseojn "Homo faber" (p. 64) kaj "Ateisto" (p. 78-80).

Valente, Giuseppe. "Leter(ar)o", *La Kancerkliniko*, n-ro 55, julio-septembro 1990, p. 18. Subtenas la artikolon "Mallaŭdo de stulteco" de R. Dumain.

# EL NIA LETERKESTO

Mi sendas al vi la kotizon por ATEO .... sed mi aldonas [pluan sumon] .... Car vere maltrankviligas min, ke la ge-Massenoj rezignis. Vi mem, tute sola, ne povos gvidi ATEOn kaj eldoni *Ateismon*. Tio estas fizike ne ebla, sen ia helpo .... Nia gazeto kaj organizo NEPRE DEVAS NE PEREI. Tion ja la religiuloj ŝatus.

-- H.K. (Aŭstralio)

Ek al la batalo kontraŭ la klerikuloj.

-- Roland Schnell (Germanio)

*Ateismo* 2:2(5) estas denove ege interesa kaj laŭ mi utila kaj necesa. Mi nun komprenas pri [organizo] "Afrikanaj Usonanoj por Humanismo". Ĝi estas klara artikolo kun valoraj informoj pri Usono. La informoj pri Ĉeĥoslovakio konsternis min -- mi vere ne sciis ke Havel tiel adoras la papon! Walesa-n mi neniam ŝatis, ĉar mi plurfoje vidis lin en procesio kun kruco alte en siaj manoj. Via artikolo "Pri orienta Eŭropo" estas bonega. Pri la "Hipokrita funebro pri senkulpaj



infanoj" mi jam aŭdis kaj ege koleriĝis pro tiu afero. Min konsternis ankaŭ la ciferoj de la enketo pri religio rilate al Usono. Nemirinde ke en Usono estiĝis ATEO. Nederlando estas multe malpli religia.

--R.D.J. (Nederlando)

Mi tre ŝatus legi artikolon pri la ateisma movado en Usono: ĝia graveco, la diversaj asocioj, libroj, publikajoj. Estus des pli interese ĉar Usono estas ĉe la pinto de la sciencaj kaj teknikaj progresoj. Verdire la ateismo en Usono estas kvazaŭ nekonata ekstere. Cetere, la angla lingvo estas la plej disvastigata en sciencaj medioj.

-- J.Deker (Maŭricio)

***NdlR:** Mi esperas,ke iam ni povos kontentigi vian scivolon. La forto de scienco kaj teknologio en*

*Usono tute ne samproporcias kun la forto aŭ influo de la ateisma movado -- tute inverse! Nur eta, eta procento eĉ de la intelekta klaso partoprenas aŭ subtenas la ateisman aŭ humanisman movadon. Tia konscienco kaj honesteco mankas en nia intelektularo.*

Mi loĝas en lando kie la problemoj de la rilatoj inter religio kaj ŝtato estas aparte akraj, la religiaj partioj decidas en la plej gravaj politikaj aferoj, kaj la ateista agado estas malfortega. Mi estas preta kunlabori; bonvolu skribi pri tio kion mi povus fari.

-- C.Ŝ. (Israelo)

Dankon pro via mencio de la hontiga invito al Pinochet viziti Ĉehoslovakion. Rilate ĉi tiun fiagon, la Centra Komitato de nia partio publike reagis per kondamno al ĉi tiu "grava malkonscio pri la martirologio de la ĉilia popolo". La laŭdo al la ekonomia modelo perforte imponata de la kruela diktaturo ŝajne estas modo inter la novaj reviziistoj. Bedaŭrinde vi pravas pri la fakta perfido al la tria mondo.

-- J.V. (Ĉilio)

***Ateismo*** 2:2(5) alvenis, kaj mi gratulas vin pro ties vigleco, historia enhavo, korekta vidpunkto pri orienta Eŭropo, interesa "enketo" pri superstiĉo, kaj ĝenerala prezento. [***Ateismo***] estas lumigilo en mondo sufiĉe konfuzita kaj malluma pro religio kaj la inercio de penskapablo de homaro.

Mi ĝojas diri ke en ĉi tiu insulo de Mallorca ankoraŭ romkatolika, la junuloj ne plu timas la pastrojn kaj ne plu atentas la preĝejojn tiomnombre kiel en pasintaj tempoj.

-- Peter Holt (Hispanio)

Ĉiu homo devas ion kredi. Do, se mi ne estas Di-kredanto mi havas verdstelan "religion" .... Oni devos konstrui REALAN socialisman sistemon en la tuta mondo .... Kun miaj ideoj (Esperanto, socialismo, ateismo) mi estas strangulo en nia pola socio, sed mi vere ne povas ŝanĝiĝi ....

--W.N. (Pollando)

***Ateismo*** estas tre interesa kaj dezirata periodaĵo.

-- Ireneusz M. Smolewski (Pollando)

Mi atente legis kelkfoje vian artikolon "Pri Orienta Eŭropo: Enkonduko" [*Ateismo* 2:2(5)], kiu ege ekplaĉis al mi. Mi akceptas viajn vidpunktojn. Niaj ideoj pri tiu ĉi temo koincidas.

— H.M. (Bulgario)

Akceptu kiel kotizon ĉi tiun libron .... Kun respektego pro via brava agado, jam sola ....

— E.F. (Hungario)

Ekde la pasinta jaro mi ricevadas volumetojn kiuj enhavas diversajn partojn de la Nova Testamento en la ĉeĥa lingvo, sume jam dek, t.e. ĉirkaŭ 300 paĝoj de ĉi tiu verko. Mi do konjektas, ke oni "feliĉigos" min ankoraŭ plue per ĉi tiu literaturo.

Kompreneble mi iam legis kaj de tempo al tempo eĉ legas partojn de la Biblio .... Kontraŭe mi konsideras pliparton de la ordonanta enhavo kaj multajn "farojn" de "Dio" kiel malĝustajn, maljustajn, ĝis barbarajn, ke mi eĉ multfoje formetis la libron, ĉar mi estis sengustigita per tio. Vi do povas imagi mian malvolon, se iu sendas al mi partojn de la Biblio obstine pro ties enhavo. Mi jam protestis al unu sendinto, sed ŝajnas, ke tio ne sufiĉis, ĉar oni sendas al mi la volumetojn eĉ plue post mia protesto. Kial ĝuste al mi? ... Oni trovis mian adreson en telefonlisto ... Jen ties adresoj [sekvas sep adresoj en Usono, unu en Francio, unu en Novzelando, unu en Sudafriko] ... En mia ĉirkaŭaĵo mi ne konas iun, al kiu oni sendas ĉi tiajn "donacetojn"; tial mi konsideras ke utilas konatigi vin pri ĉi tiu afero. Memkompreneble, mi povus ĵeti tiujn leterojn kaj ties aldonaĵojn rekte en korbon, sed tamen ĉi tiu estas tre konkreta kaj instrua ekzemplo de kristana propagando. Kelkaj homoj alkutimiĝintaj kredi je fabeloj povus esti ĝojigataj per tia atentemo.

—E.K. (Ĉeĥoslovakio)

Prezidento Havel estas persono kiu ligas la landon. Ni bone scias, ke estas danĝero por nia eta ŝtato. Iam nin apogis kaj perfidis Britio, Francio; Germanio naziista nin preskaŭ neniigis; soveta diktaturo neniigis nin kulture kaj spirite, ankaŭ ekonomie. Nun ni denove serĉas nian postenon, kaj kompreneble, granda Germanio kaj ankaŭ Usono alterne minacas okupi nin. Vi bone vidas danĝeron en

akcepto de kapitalismo. Demokrata socialismo estas nia celo, tria vojo.

-- Johano Elija
(Ĉehoslovakio)

La parlamentano S-ro Michal Prokop de Civitana Forumo transdonis interpelacion al la prezidanto de la registaro de ĈSFR .... ke la [invito al Pinochet] estas mokado al humanismaj kaj demokrataj tendencoj en politiko de nia ŝtato .... La ĉeha kaj la slovaka popoloj neniam konsentus kun tio, ke tiu faŝisto transpaŝu ĉehoslovakian landlimon, sed ĉi tiu estas mia persona opinio, kiu rezultas de tio, ke niaj nacioj kaj minoritatoj havas tre amarajn spertojn pri faŝismo .... prezidento Havel .... ĉiutage konvinkas tutan landon ... ke estas eble fari la prezident-oficon ankaŭ per alia maniero ol liaj antaŭuloj kiuj regis ekde la jaro 1939 .... Nur blindulo kaj surdulo povus naive konjekti, ke financkapitalo usona, germana, aŭ alia, estas ia kompatema donacanto; ĝi efektive estas vampiro .... sed estas necese aldoni, ke t.n. orienta ekonomiksistemo .... ankaŭ sklavigas homojn; ĝi ankaŭ havis siajn potenculojn kaj riĉulojn .... kaj siajn subordigitojn kaj malriĉulojn .... Restas al mi esperi, ke miaj infanoj vivos iom pli bone.

[Jen citaĵo el] ĵurnalo ***Moravio-Silezia Tago***... la 24-an de julio ....

Prezidento Václav Havel akceptis en Prago-Kastelo la episkopon de la greko-katolika eklezio, mons-ron Ján Hirka. La episkopo informis lin pri streĉa situacio en Orient-Slovakio, kiu koncernas konfliktojn (temas pri eklezaj havaĵoj) inter eklezioj greko-katolika kaj ortodoksa.

.... Niaj karaj kredantoj forgesas unu la alian kaj vidas nur sin mem. Tio estas egoismo! .... S-ro prezidento devos engluti multe da amaraj piloloj; la popolo fine elrevigos lin, laŭ mia opinio.

-- Veno Tobi
(Ĉehoslovakio)



*Bonvolu denove plenigi nian leterkeston!*

# KIEL PAGI LA ABONKOTIZON AL ATEO

1. **Sendu US $8 rekte al Usono.** Tiel vi rekte helpos subvencii *Ateismon*. Ni bonvenigas monon mem sed estas via grava risko ke mono perdiĝus en la poŝto. Elektronika transdono de mono interlande estas kutime tro multkoste ambaŭflanke. Ĉekoj **devas** esti en usona valuto. Skribu ĉekojn kaj bankmandatojn al "A.T.E.O." aŭ "Ralph Dumain" kaj sendu al: Ralph Dumain; 1629 Columbia Road, N.W., Apt. 615; Washington, D.C. 20009-3651; Usono.

2. **Sendu la sumon de 16 guldenoj (gld.) al Universala Esperanto-Asocio (UEA) aŭ ties banko.** Nia konto ĉe UEA estas **ATEO-Y**. Nepre sciigu UEA ke vi pagas la abonon de *Ateismo* kaj menciu nian kont-kodon **ATEO-Y**. Sciigu ankaŭ la Asistan Sekretarion-Kasiston per poŝtkarto. Jen diversaj rimedoj por pago:

   a. al nederlanda poŝtbankokonto (ĝirkonto) 378964 (Den Haag) de UEA;
   b. per internacia poŝtmandato al UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando;
   c. per "eŭroĉeko", sur la dorsa flanko de kiu nepre aperu via kartnumero.

3. **Nepagipovaj landoj:** Ni ne ĝis nun sukcesis aranĝi metodon por monpago. Se ekzistas peranto por via lando, vi povas pagi al tiu. Se vi povas, bonvolu kompensi ATEOn per sendo de taŭga ekvivalento de Esperantaj libroj aŭ gazetoj al Ralph Dumain. Tamen, ni sendos *Ateismon* senpage al ĉiuj kiuj petas. Nepagipovuloj povas helpi ankaŭ per propraj verkoj kaj tradukoj.

SE "P90" APERAS POST VIA NOMO SUR LA ADRESETIKEDO SUR LA KOVERTO EN KIU ĈI TIU NUMERO ALVENIS, NI RICEVIS KAJ REGISTRIS VIAN PAGON POR 1990.

## PERANTOJ DE *ATEISMO*

**Britio:** S-ro Mark Palmer; 28 Westfield Road; Caversham; Reading RG4 8HH.
**Hispanio:** S-ro Luis Serrano Perez; Font Nova 32; E-08202 Sabadell (Barcelona)
**Kanado:** S-ro Cleeve (Klivo) Lendon; 2706 Priscilla Str.; Ottawa, Ontario K2B 7E2

## NOTO POR REVUOJ KIUJ HAVAS INTERŜANĜ-RILATON KUN NI

Bonvolu sendadi vian revuon/gazeton al Ralph Dumain.

## CELOJ DE ATEO

Kunligi esperantistajn ateistojn kaj liberpensulojn, disvastigi Esperanton inter ateistoj, kaj promocii racian pensmanieron.

# ENHAVO